LA REVUO ORIENTA

# 目 次

JARO XVI, N-RO 1, JANUARO 1935







JARO XVI, N-RO 1 JANUARO, 1935

# LA REVUO ORIENTA

Monata Organo de JAPANA ESPERANTO-INSTITUTO, Hongoo-ku, Motomaĉi I, TOKIO, Japanujo

## 同志倍加に協力せよ

### 千人の同志が十年後には百萬人となる

新しい年の初日の出に對すると誰しも一種名狀すべからざる新しい嚴肅さを感ずるものである。

新年の門出に際し、我々エスペランチストはエスペランチストとしての覺悟を一層新にし、我々の決心をより强固にし吾等の最後の勝利のため粉骨碎身專ら努力することの誓をお互に新にしたい。年の更まると共に更始一新一層我運動を充實する樣心掛けよう。

世の風潮は時の流れと共に幾變轉をくりかへす。世界大戰直後は國際平和の機運が濃厚であつたため我々の運動には特に favora であつた。1931年の極東の事變を契機として國際的危機が增大し歐洲の天地亦漸く多事ならんとするに到り internaciismo おとろへ到る處 naciismo の波濤高からんとする時節となつた。世界大戰後十年程を internaciismo の波の上に順風に帆をあげた我々は 1931 年頃を一轉機として逆風あれまわる怒濤の中に沈淪するの悲境に陷落したわけである。

といつて我々は悲觀してはならぬ。順境に於てはとかく我々は有頂天になり勝であり且は何等獻身的の氣持をもたぬ輕薄才士とも云ふべき有象無象がとびだしてきて我々の陣營を攪亂する等うるさいことが夥しい。むしろこんな輩は逆境で掃除された方がどれほどよいかしれぬ。そしてこの逆境できたえられたもののみがやがて數年乃至十數年の後再び來るであらう順風に帆をあげる日をむかへることのできる鬪士である。宜なる哉我等の Majstro ザメンホフ博士の言や。

Se longa sekeco aŭ ventoj subitaj
Velkantajn foliojn deŝiras,
Ni dankas la venton, kaj, repurigitaj,
Ni forton pli freŝan akiras.

この非常時この逆境を travivi してこそ眞の bravega anaro だ。我々はこの malfavora vento のあれくるふ年の元旦に際して我々の誓をあらたにし我々の新しい同志の獲得に勇往邁進しようではないか。

Ne mortos jam nia bravega anaro,
Ĝin jam ne timigos la vento, nek staro,
Obstine ĝi paŝas, provita, hardita,
Al cel' unu fojon signita.

一人の同志が一人のこらず一年間毎に更に新らしい一人の同志を獲得しその新しい同志もまた一年間毎に新しい同志を獲得する樣にしたならば第一年目に僅か千人の同志があれば十年の後には百二萬四千人の同志をうることができるわけである。

點滴石をも穿つのたとへの通りである。昭和十年の元旦我々は十年後の百萬人を目標して同志千倍加の十年計畫の念願を樹立しようではないか。昭和廿年の元旦を目指して。

Nur rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante
Ni iru la vojon celitan!
Eĉ guto malgranda, konstante frapante,
Traboras la monton granitan.
L' espero, l' obstino kaj la pacienco,—
Jen estas la signoj, per kies potenco
Ni paŝo post paŝo, post longa laboro,
Atingos la celon en gloro.

# Pioniroj de Holanda Lingvo




(蘭 學 事 始)

Originala novelo de Kan KIKUĈI
tradukita de Kazuo OSAKI

Estis ankoraŭ iom post la deka horo matene, kiam Gempaku Sugita atingis la gastejon Nagasaki-ja en la 3-a Strato de Hongoku-ĉoo, forlasinte la duan loĝejon de Ŝin'oohaŝi. Kiel hieraŭ, li trovis Rjotaku'n en la ĉambro de Zenzaburo Niŝi, interpretisto, kiam li eniris tien, gvidate de la komizo. Rjotaku sidas senĝene, ŝajne veninta tre frue, "Bonan matenon! Hieraŭ mi havis ĝojon kunsidi kun vi." Kun la vortoj Gempaku turnis sin al Rjotaku post saluto al Zenzaburo. Sed por la respondo la salutito nun klinetis la kapon, sen la plej malgranda rideto sur sia blanka kaj larĝa vizaĝo kun alta nazo kaj neklare videblaj variolsignoj; kiel ĉiam la salutinto sentis ion malagrablan. De antaŭ longe li konis Rjotaku Maeno per nomo kiel kuracisto-oficiston de la daimio de Nakacu kaj respektis lin pro lia studfervoreco. Sed estas strange ke ĉe renkontiĝo li ne povas intimiĝi kun la lasta. Ĉi tie ĝis nun li havis okazon kunsidi kun Rjotaku kelkajn fojojn: en la lasta jaro du fojojn dum Kapitein* restadis en ĉi tiu gastejo kaj en ĉi tu jaro tri-kvar fojojn en la daŭro de sep tagoj inkluzive de hodiaŭ ekde kiam Kapitein alvenis ĉi tiun urbon Edo en la dudeka tago de tiu ĉi monato. Malgraŭ tio li povis neniel intimiĝi kun ĉi tiu homo. Li ne malŝatas, nek malamas Rjotaku'n. Tamen, en la ĉeesto de Rjotaku io premas lin kaj ne lasas lin en trankvilo. Lia nervo estas ĝenata de ĉiuj moviĝoj, aŭ rideto, aŭ grimaco de Rjotaku. Ju pli da peno por esti indeferenta, estas pli multe da malignoro. Kontraŭe, Rjotaku ŝajnas esti preskaŭ malatentema pri li kaj des pli lia sentimento fariĝas rigida rilate al Rjotaku.

Koncerne la viziton al la holanda domo en Nagasaki, severa kontrolo estis farata laŭ certa leĝo, sed ĉi tie oni povis livere viziti la gastejon Nagasaki-ja, kie Kapitein restis, kredeble tial ke la restado estas mallonga. Sekve preskaŭ ĉiutage vizitadis scivolemaj hatamotoj** kaj riĉaj komercistoj, jam ne parolante pri studantoj de holandaj medicino, drogoj kaj medikamentoj, produktaĵoj kaj natura scienco. La ĉiamuloj estas Genĵo Noro, kuracisto de l' ŝoguno, Kiseki Jasutomi, la kuracisto-oficisto de la daimio de Jamagata, Ĝun'an Nakagaŭa, tiu de la sama daimio, Ĉoobei Aono, komercisto de Kuramae kaj fame konata kiel diletanto, Gennai Hiraga, ronino*** de la daimio de Sanuki, Kian Hosoi, majstro de teceremonio, Suiko Ookubo, instruisto de l' ŝoguno, kaj aliaj.

Ĉi tiu grupo superŝutis Kapitein per diversaj demandoj pere de la nekompetenta

---

* holandlingve kapitano, kiu signifas ĉi tie la estron de l' holanda komercŝipo, kiu vizitadis Nagasakon kaj li havis oficon de konsulo kaj ofte venis Edon por saluti la ŝogunon.

** rekta vasalo de ŝoguno.

*** eksvasalo de iu daimio kaj senlabore vaganta.

interpretisto, ĝenerale plej multaj el ili estas naivaj demandoj rilate al la holandoj moroj. Kaj kiam tio evidentiĝas el la respondoj de Kapitein, ridego eksplodis. Kaj kiam montriĝas *weerglas**, *thermometar***, *donderglas**** kaj aliaj, oni ege ĝojis samkiel infanoj ekvidis maloftajn ludilojn. La kunsidon en tia stato, tamen, Rjotaku rigardas kun kutima flegmo kaj neniam faris demandon tian, kian oni faras. De la komenco ĝis la fino li silentadis ne kun moko, nek kun rideto, nur kun subridoj ĉirkaŭ la lipoj. Lia firme fermita buŝo neniel malstreĉiĝis eĉ kiam la tuta kunsido ĝuas naivan ridegon. Sed kiam ĉiuj eksilentas laciĝinte per demandoj pri iu problemo, li kutime eldiras unu-du demandojn kies signifoj estas ofte nekompreneblaj por aliaj kunsidantoj. La demandojn pere de la interpretisto Kapitein ĉiam akceptas kun miraj okuloj kaj detale respondas kun serioza sinteno. Ŝajne neniu krom Gempaku rimarkas tian konduton de Rjotaku—nome lian tromemfidan dignoplenan sintenon. Hieraŭ ankaŭ okazis alia ekzemplo, kvankam tre bagatela. Ŝajne por amuzo Kapitein prezentis saketon al la kunsidantoj. La intkrpretisto interpretis.

"S-ro Krans volas donaci ĉi tiun sakon al tiu, kiu suksesis malfermi ĝin." Krans ridetis per sia tuta vizaĝo kun densa barbo. Ili multe interesiĝis je la prezento. La saketon prenis Kian Hosoi, la unua kiu pro sia rapidema karaktero rezignis tuj poste.

"Do, mi provos." La dua provanto estis Kiseki Jasutomi, kiu ankaŭ forlasis ĝin post iom da cerbumado. Tiamaniere la saketo estis transdonata de unu mano al alia. Malsukceso sekvas malsukceson, akompanate de laŭta rido. Krans rigardis kun intereso kiel fervore ili provas malfermi la saketon. Vico venis al Gempaku. La buŝo de l' saketo estis garnita per metalo. Kredeble tie sin kaŝas mekanismo de ringo de saĝo. Li ankaŭ ridetante provis ĝin aŭ puŝante aŭ tirante diversmaniere, sed vane. Vole-nevole li rezignis kaj volis transdoni ĝin al la sekva provanto, sed ĝis tiam preskaŭ ĉiuj jam vane provis krom Rjotaku, kiu sidis tre ceremonie apud Gempaku, "S-ro Maeno, ĉu vi ne provas?"

Rjotaku estis tute indiferenta pri la saketo kaj ne etendis manon al ĝi, kun Gempaku estis facilanime transdononta. Al li malplaĉis ke ili entuziasme interesiĝas en la bagatelo. Verŝajne li pensis, estas honto precipe por altrangaj oficistoj ke ili estas priŝercata de Kapitein per bagatela ludaĵo. Glacia silento ekregis la kunsidon lasinte la saketon inter Gempaku kaj Rjotaku. Ĝuste tiam eniris Gennai Hiraga, malfruiĝinto. Kaj aŭdinte la klarigon pri la saketo, li tuj prenis kaj facile sukcesis malfermi ĝin. La tuta ĉambro estis plenplena de laŭdaj krioj. Lia saĝo savis la kunsidon el la silento.

Ekde tiam, tamen, en la koro de Gempaku pli kaj pli formiĝis io duone obstina kaj duone malamikeca kontraŭ Rjotaku. En la ĉeesto Rjotaku, Gempaku povas prezenti nur malpli ol duonon de la demandoj, kiujn li havas en la koro. Ŝajnas al li ke la demandoj farotaj de li jam estas komprenitaj de Rjotoku. Tio malkuraĝigis lin kun la antaŭjuĝo ke demando signifas la konfeson de lia malsaĝo. En la koro li multe sentis honton je ĉi tiu

---

* holandlingve barometro.

** termometro

vanteco, de kiu tamen, li ne povas liberigi sin malgraŭ sia studavido el holandaj aĵoj kaj sciencoj, precipe al la medicino li ne povis fari demandojn laŭvole.

Ĉi tiun tagon li volis vidi Zenzaburo'n interpretiston, antaŭ ol venos aliaj precipe Rjotaku. Li intencis demandi pri la ebleco lerni holandan lingvon tio estas lia longe havanta deziro. Pro tio li venis unu horon pli frue ol hieraŭ, sed jam Rjotaku estas je lia surprizo. Li, tamen, regis sin tro atenteman pri Rjotaku kaj kuraĝis malfermi sian koron utiligante la okazon ke troviĝas neniu tria pensono krom Rjotaku.

"S-ro Niŝi, hodiaŭ mi havas ion konsiliĝi kun vi. Ĉu holanda lingvo estas lernebla por ni, fremdlandanoj, aŭ nelernebla eĉ per energia studego? Mi petas al vi respondi malkaŝe, ĉar mi havas ian intencon".

Lia demandmaniero estis plenplena de sincereco. Rimarkinte tion, Niŝi plurfoje kapbalancis, sed la respondo estis negativa. Li parolis per vigla tono, kiu karakterizas homojn de okcidentaj provincoj.

"Kelkaj homoj ankaŭ demandis al mi pri tio. Ĉiufoje mi respondis ke ne. Tio restas super nia povo. Verdire inter ni, interpretistoj, nur unu-du scipovas legi holandajn literojn. La aliaj notas la prononcojn per *kana*-literoj kaj parkere memorante ilin plenumas sian taskon. Estas tute neeble por ni, fremdlandanoj, kompreni ĉiujn vortojn de l' lingvo. Ekzemple se mi demandos al Kapitein aŭ *madras,* kio estas en holanda lingvo por "trinki vinon aŭ varman akvon" — unue per gesto prenante tason kaj alportante ĝin al la buŝo, ŝajniginte verŝi ion, ili instruos vorton "*drink*", do vorto "*drink*" signfas trinki, ĝis tia grado estas interkompreniĝo. Sed se mi marŝas unu poŝon pluen, embaraso venos—nome koncerne la demandon pri la distingo inter vinoŝatanto kaj vinomalŝatanto. Per kia gesto ni povas demandi? Gestante trinkadi, mi montras min kiel vinoŝatanton, sed ili ne legas min. Drinkeganto ne ĉiam estas vinoŝatanto kaj drinketanto ne ĉiam vinomalŝatanto. Tiel pri ĉi tiu distingo inter ŝatanto kaj malŝatanto—nome pri la abstrakta afero neniu gesto sukcesas komprenigi sin al ili." "Jes, vi pravas." Gempaku jesis la logikan respondon. Do la parolanto fiere daŭrigis.—

"Mi klarigos kiel malfacila estas holanda lingvo per ekzemplo. Estas vorto "*aantrekken*", kiu signifas "ami". Naskiĝinte kiel filo de interpretisto, mi multfoje uzis ĉi tiun vorton, sed ne vere proprigis al mi la vorton ĝis la aĝo de kvindek jaroj. Nur en la lasta vojaĝo mi komprenis la veran sencon. "*Aan*" estas "al si", "*trekken*" estas "tiri"; kunmetita vorto *aantrekken* signifas "volo tiri ion al si." "Ŝati vinon" signifas volo havigi ĝin al si" "*Aantrekken* hejmlandon" signifas sopiron tian, ke oni volas tiri ĝin al si.

Tiel malfacila estas eĉ unu vorto. Por mi havanta ĉiutage rilaton kun holandano ekde la infaneco, la lingvo estis malfacila. Despli en Edo oni ne povas. Kiel vi scias S-roj Genĵo Noro kaj Bunzo Aoki vizitas ĉi tiun gastejon ĉiujare laŭ ordono kaj tre diligente studas, sed ili progresis ŝajne neniom. Estas bone ke vi ankaŭ rezignu tian intencon".

Ŝajne Niŝi mem rezignis jam de longe.

"Vi diras la veron."

# VOKI PATRON

## —La vivo komunikiĝanta kun Dio—

de R. Onomura
eljapanigis Masakazu Ootani.

La kvintesenco de la religioj estas akordigi la homojn kun Dio. Ĉe tiu punkto sin trovas la ĉefa celo de la religia vivo. Estas multaj homoj, kiuj konsideras la religion tia rimedo, per kiu oni petas la providencon de Dio por prosperigi la familian sorton, por resanigi malsanojn, aŭ por eviti akcidentojn. Tio tamen estas unu el la stadioj en la procezo de l'religia evoluado. La misio de la religio estas en tio, ke la homoj akordu kun Dio, paŝinte pli alten, ol celadi sian profiton en la surtera vivo per preĝo.

Ke patrino ĉirkaŭprenas sian infanon estas la elmontro de la promeso plej natura kaj necesa por ili, kaj samtempe estas la postulo intensa de ili ambaŭ. Estas aflikto kaj kontraŭnaturo, se ili disiĝas unu for de l' alia.

Kiam patrino ĉirkaŭprenas sian etulon, ili staras unu ĉe l'alia tie, kie ili devas esti. La du an'moj kunfandiĝas, plen'ĝas kaj superfluiĝas de paco kaj feliĉo. La ĉirkaŭbrakumo de patrino kaj infano estas la promeso jam apriorie difinita al la du animoj.

Tiu rilato'inter patrino kaj infano klarigas per si mem, kia devas esti la rilato inter Dio kaj la homoj. Dio estas Patro en la ĉielo, kies infanoj ni estas. Ĉe la fundo de nia animo sin kaŝas profunde tia sopiro pri Dio, kian oni povas vidi ankaŭ ĉe infanoj sopirantaj pri la patrina sino.

Tio do estas nenio alia, ol la nostalgio al la naskiĝloko de nia animo, t.e. la brusto de Dio

Kiam ni revenas al Dio, ni sentas pacon kaj plezuron, ĉar tiam ni nin trovas en la revenenda loko. Reveni al la Dia brusto kaj vivi komunike kun Li estas la preĝo mem de l'kristanismo.

---

Gempaku ne povis ne diri tiel malgraŭvole kaj ne kuraĝis demandi studmanieron pro varma malrekomendo. "Vi, ĉefinterpretisto, ja opinias tiel, do restas al mi nur rezigno." Kiam Gempaku tiel parolis, senpripense interrompis Rjotaku, kiu ĝis tiam silente aŭskultis al la interparolo. "Ne, mia opinio estas tute alia de la viaj. Estas ne logike, ke homo ne povas kompreni literojn faritajn de alia homo. Ruĝbarbulo ankaŭ estas homo, ĉu ne?"

"Kiam la unuan fojon transvenis ĉinaj literoj kaj frazoj, kiujn ni nun legas kaj skribas aŭ instruoj de Konfucio kaj Mencio, kiujn ni, altrangaj oficistoj, praktikas, ili estis tute ne konata al nia lando samkiel la holanda lingvo, kiun ni nun frontas. Ilin niaj malproksimaj praavoj venkis vorton post vorto aŭ duonvorton post duonvorto per senĉesa studado. Al ĉi tiu klopodo de niaj praavoj dek miliardoj da homoj ŝuldas dankegon dum la lastaj dumil jaroj. Jen mia celo kuŝas en tio. Mi estas preta ne ŝpari ian ajn klopodon por la venontaj generacioj. S-ro Sugita, ne rezignu vian celon kaj komencu studon. Estante 49-jara en ĉi tiu jaro mi intencas studi ĝis morto."

La konsilo estas dankinda por Gempaku, kiu sentis honton en la koro, sciiĝinte la grandan ambicion de Rjotaku sed la parolinto tuŝis tro profunden, dum lia respondo enhavis komplimenton. Kaj do Gempaku denove sentis ion malagrablan. (*daŭrigota*)

Foje mia edzino forestis, kaj mi okupis min legi libron en mia kabineto. Tiutempe post la transloĝiĝo ni ĉi tie pasigis nur mallongan tempon, kaj do mia sola filineto, tiam sesjaraĝa, ne povante trovi kunludantojn perludis sablon sola antaŭ la domo. Subite ekrimarkante malfermiĝon de la pordo, mi turnis min kaj tie malantaŭ la pordo sin montris duone la vizaĝeto de l' karulineto.

—Ĉu ci estas ĉi tie, paĉjo?

—Jes, mia kara!

—Nu! dirante kun rideto ŝi ree eliris eksteren.

Ĉirkaŭ unu horon poste, refoje malfermita estis la pordo, kaj ekaperis ŝia vizaĝeto.

—Ĉu ĉi tie, paĉjo?

—Jes, kara!

—Nu! kontente ŝi diris kaj reiris eksteren.

Elkore mi tiam estis impresita pri la mistero de l'afekcio ekzistanta inter gepatroj kaj infanoj. Kvankam la filineto estis tiel juna kaj naiva, ke ŝi ne povas diferencigi orienton de okcidento, ŝi tamen kredeble momente maltrankviliĝis, ĉu ŝia patro estas apud si, sentante dum la ludado solecon pro la foresto de l'patrino.

Estas trovebla la revelacio de l'delikata interrilato inter Dio kaj la homoj en la fakto, ke en ŝia animeto jam ekĝermas tiaj inklinoj ami la patron kaj dependigi sin al li, kaj ke ŝi kun kontento reiris en sian ludadon certiginte sin pri lia ĉeesto.

La kristanismo estas "komunikiĝa" religio. Ĝin karakterizas la komunikiĝo de l'homoj kun Dio.

"Ho, feliĉe pensi, ke Li min kondukas!
Vortoj kun ĉiela komfortec', plenam'!
Kion, kie ajn mi faras, estas, tamen,
Estas ĝi Di-mano, kiu min kondukas.

(Ĥoro)
Li kondukas min, Li min kondukas,
Min per sia propra mano Li kondukas:
Volas esti mi sekvant' fidela Lia,
Ĉar per sia man' Li min kondukas!"
(Sankta Himno N-ro 274)

Tiu himno kantas ja la suprediritan spiriton!

—Kie ci estas, paĉjo?

—Nu, tie ĉi!

La konversacio estas nur tiom, sed ĉe tiom da vortinterŝanĝo pleniĝas trankvilo kaj kontento en la koroj de la patro kaj la infano. Tie vere ekzistas feliĉo, kiun anstataŭi nenio povas. Proprigi la konfidon en nia Patro, Dio, estas nenio alia, ol akiri novan mondon. La ĉielo, la tero, kaj ties malĝojo, ĉio tio ĉi ŝanĝas la aspekton por tiuj kredintaj.

"Inkubo venensagon pafis
Nur unusolan en milfojo!
Mi falis, ĉar ĝi min ekpafis,
Kun familio en malĝojo!
Juvel' en mano dispeciĝis;
Milparte korpe mi vundiĝis!
Disvagis en mallum' terura:
Serĉadis mi miraklon solan.
Kaj venis min neni' plezura
Sed spertis mi nur la rigoran.
Ekvidi povis ja mi tamen
Nursolan Dion uiverse
Post ĉi', finfine! Amen!!"

Ĝi estas eldirita de unu el la pacientoj en leprula sanatorio situanta en Marujamavilaĝo apud Tokio. Dank' al ĉi tiu memkonscio citita en la lasta strofo lia mondo estis tute ŝanĝita. Nuntempe li streĉa fartas kun plezuro kaj espero plenplenaj. Tio estas ja miraklo en la mondo de l' homoj, kaj estas tamen fakto vivanta!

La suferoj sur la tero jam ne estas suferoj por tiu, kiu povas sin almeti la bruston de Patro. *(Fino)*

*(Dediĉita al la animeto de l' etulino, kiu subite flugis ĉielen pro akcidento, dum la tradukinto ĉi tiun tradukis.)*

# Andromeda tipo en Japana Mitologio

Kijo Cujuki

La pensmaniero de naturpopoloj estas: Ili kredas, ke la potenco kiu instigas la senton de timo estas supernatura. Tiaj supernaturaj estaĵoj estas la kaŭzo de multaj fenomenoj, ili ankaŭ estas regantoj de l' naturo aŭ homa socio. Ili personigas ĉiujn fenomenojn, kaj la diecajn abstraktaĵojn; ili ĉion materiigis. Ili konsideris la kaŭzon nur ekstere, sed ne interne. Tial la mito estas kultura produktaĵo kiu ekĝermas en tiaj pensmanieroj por klarigi la ekziston, la originon kaj la progreson de estaĵoj kaj fenomenoj de l' naturo kaj la homa socio. Konsekvence, la mito ĉiam respegulas la etoson; la kredon, la morojn kaj kutimojn, la ekonomion kaj la sistemojn de ĉiu popolo.

Iam aliloke[1] mi pritraktis la funkcion de akvo, kiu kapablas purigi ĉiujn malpurojn. La akvo mem estis la objekto de kulto, tiu ĉi kredo poste evoluis kaj oni kredis, ke la akvo ne estas spirito, sed la spirito loĝas en akvo. Kaj oni kredis, ke vivaĵo akva estas nimfo. Tial en animisma stadio nimfo portas la figuron de fiŝo, testudo, serpento, ktp. Ĝenerale nimfo havas la formon de serpento. Eble, ĉar serpento vivas apud akvo, aŭ ondoj similas la rampon de serpento, aŭ longa rivero kuranta tra montoj kaj valoj pensigas pri la rampo de serpento, aŭ eble trombo aspektas kiel serpentego ĉielen fluganta. Ĉiuokaze oni kredis, ke serpento estas la spirito de akvo. Koncerne al tiu ĉi akva spirito ni studos la heroan rakonton de Susano, ekzilita de la Lando de Ĉielo.[2] La japana mitologio en Koĵiki raportas jenon:

«Susano surteriĝ's je Torikami ĉe la supra parto de l' rivero Hi, en la provinco Izumo. Tiam manĝvergo naĝis malsupren en la fluo. Li supozis, ke devas loĝi homoj ĉe la supra regiono de la rivero, iris pluen serĉante ilin; fine li trovis gemaljunulojn kaj virgulinon, kiuj estis en plorĝemado. Li demandis;—„Kio estas vi?" La maljunulo responde parolis;—" Mi estas Provinca dio,[3] filo de la Dio-de-Granda-Monto. Mia nomo estas Maljunulo-de-Piedo-kareso, mia edzino nomiĝas Maljunulino-de-Mano-kareso, kaj la filino portas la nomon de Rizo-kampo." Denove Susano demandis lin; — „Kial vi tiel lamentas?" Respondis la Maljunulo;—„Originale mi havis ok knabinojn. Sed Ok-kapa serpentego el la provinco Koŝi atakas nin ĉiujare kaj forglutis ilin unu post alia, nur unu restas ĉe ni, kaj nun estas la tempo de ĝia alveno ĉijare; tial ni ploras." Tiam Susano refoje demandis lin;—„Kia estas ĝia formo?" „Ĝiaj okuloj similas la fizalojn.[4] Ĝi havas ok kapojn kaj ok vostojn sur unu korpo. Plie, sur ĝia korpo kreskas musko,

1) „Oomoto Internacia," Julio, 1933.
2) *Takama-no-Hara.*
3) t. e. aborigeno, antiteze al ĉielaj personoj (dioj).
4) Originale *akagaĉi*, *Physalis Alkekengi.*

ankaŭ kameciparoj[5] kaj kriptomerioj,[6] ĝia longo etendiĝas sur ok valoj kaj ok montoj, kaj ĝia ventro estas ĉiam sangkovrita." Diris Susano;—„Se tiu ĉi estas via filino, ĉu vi ne donos ŝin al mi?" Respondis la Maljunulo; — „Riverence, sed mi ne scias vian nomon, via moŝto!" Susano tiam laŭte anoncis; —„Mi estas frato al la diino Amateraso;[7] ĵus mi descendis de la ĉielo." Do, la Maljunulo kaj la Maljunulino diris; —„Se tia vi estas, volonte mi donos ŝin al vi, via moŝto!" Susano ekprenis la virgulinon, kaj aliformigis ŝin en kombilon, kiun li metis en sian buklon, kaj ordonis al la gemaljunuloj;—„Vi tuj faru bonan sakeon, ankaŭ preparu barilon ĉirkaŭe; la barilo havu ok pordojn; ĉe ĉiu pordo sin trovu estrado; sur ĉiun estradon metu sakekuvon; en ĉiun kuvon enverŝu la bonan sakeon, kaj atendu!" Tiel ili atendis post kiam ili preparis ĉiujn aferojn laŭ lia ordono. Baldaŭ la Ok-kapa serpentego efektive aperis en densa nigra nebulo, kaj tuj trempis la kapojn en ĉiujn kuvojn, drinkis la sakeon. Poste la monstro estis tute ebria pro la drinko, ĉiuj kapoj kuŝiĝis surtere kaj komencis diligente ronki. Do, Susano kiu jam delonge atendis tiun ĉi ŝancon eltiris la glavon, kiun li portis, dehakis la kapojn, tratranĉis la serpentegon en mil pecojn; tial la sango de la monstro inundis de la rivero Hi.»

Tiu ĉi heroa rakonto apartenas al tielnomata „Andromeda tipo" en la legendoj de Hindo-Germanoj kaj similajn rakontojn ne malmulte oni trovas en la mondo. Krome la rakontoj pri policefala monstro, du-kapa, sep-kapa, naŭ-kapa, naŭdek-naŭ-kapa aŭ centkapa ankaŭ estas tre multe troveblaj, kaj la formo kaj konstruo tre similas unu la alian. Kiel ekzemple, mi citos ĉi tie la faman legendon de Perseo en Greka mitologio:

En la alhejma flugado la heroo Perseo trovis la landon de Etiopio, kie la reĝo Kefeo kaj la reĝino Kasiopeo estis en la trono. Ĉar la reĝino iam fanfaronis, ke ŝi estas pli bela ol la marnimfoj; Posejdono, la reĝo de maro, tre koleris kaj sendis la teruran monstron por ruinigi la marbordon. Kaj la orakolo de Zeŭso anoncis, ke per la ofero de la princino Andromedo nur oni povas liberigi la landon de tiu ĉi teruro.... Ĝuste tiam, Perseo kiu forbuĉis la gorgonan Meduzon,[8] kaj aliformigis en montegon la giganton Atlaso kiu pene tenadis la ĉielon per la manoj; li alvenis flugante sur la sandaloj kun flugilo, vidis ĉarman virgulinon ĉenita al rokego ĉe marbordo kaj rigardanta ĉielon per ploraj okuloj; la monstra ceto apenaŭ estis formanĝonta ŝin per granda faŭko. Li haltis kaj eksciis pri la kruela afero, certigis de la reĝo la promeson, ke ŝi estos lia edzino, se li sukcesos liberigi ŝin. Alproksimiĝante la Posejdonan monstron li elmetis el la sako la gorgonan kapon, kaj momente ŝanĝis la monstron en ŝtonon. (Alie ankaŭ oni rakontas, ke li mem forbuĉis la monstron per la glavo, kiun li kare portadis.)

---

5) *Sugi.* 6) *Hinoki.*

7) Diino de Suno. Unua principo de la japana ŝintoismo.

8) Unu el tri gorgonoj. Antaŭe ŝi estis bela knabino, sed ŝi fanfaronis precipe pri ŝia bela hararo, kaj komparis la diinon Ateno. La diino tre koleris kaj ŝanĝis ŝian hararon en serpentojn, ja terure malbeligis ŝin. Se iu ekvidas ŝian rigardon, oni diras, tiu fariĝas momente ŝtono.

La mara monstro de Posejdono supre dirita estas nenio alia ol la personigo de kruelaj kaj furiozaj ondoj de maro. Ni nun povas konjekti la serpentegon, kiun Susano forbuĉis, jene. Nome, ĝi havas ok kapojn kaj ok vostojn, ĝia longo etendiĝas sur ok valoj kaj ok montoj, sur ĝia korpo kreskas muskoj, kameciparoj kaj kriptomerioj, kaj ĝi manĝegas homojn. Laŭ alia varianto en Nihongi, «ĝi ĉiam portas sur ĉiu kapo kreskantajn selaginelojn,[9] kaj ĉe ambaŭ flankoj de ĝia korpo oni trovas montojn» Tiuj ĉi vortoj estas nenio alia krom imaga epiteto por rivero. La fluo de rivero serpentumas, ĝi havas multajn branĉofluojn, sur ĝiaj ambaŭ bordoj kreskas plantoj, kaj en ĝi kuŝas la profundo kiu subakvigas homojn. Ankaŭ la akvamonstro Skilo en la greka mitologio estas la propra figuro de muĝanta ondo. Ŝi havas ses kapojn kaj dek du piedojn, la korpo similas la serpenton kaj bojas kiel hundo. Ŝi havas akrajn dentojn trivice, kaj etendante la longajn kolojn ŝi manĝas preterpasantajn ŝipanojn. Kredeble la praułoj supozis la potencon de akvo; ĝi subakvigas homojn, renversas ŝipojn, demordas teron kaj ofte ĝi forrabas ĉion desur la tero. Kaj oni kredis, ke akvo vivas, aŭ spiritoj loĝas en ĝi; oni timis la akvon, kaj fine kutimis oferi al ĝi por liberigi sin de la teruro.

Ĝenerale oni ne dubas, ke tiu ĉi japana tradicio supre dirita devenas de antikva moro pri virgulino-ofero. Esence tio estus magio, kiu instigis fekundecon de cerealoj *per generado inter virgulino kaj serpento*, la spirito de l' tero. Demonoj ofte postulis de homoj virgulinon kiel oferon. La motivo de oferado dependas de tio, ke oni timis plagon de l' demonoj, kaj en iu senco la viktimo estas anstataŭanto, per kiu oni limigas la plagon en certa grado. Aliflanke, per tio oni elpetis bonvolon de l' demono (spirito aŭ dio) kaj esperis prosperon de l' popolo; tiu ĉi moro estas universala en la mondo, kaj ĉiu popolo kulturita kaj nekulturita havas ĝin, kiel ekzemple, Jehovo tre ofte postulis oferon, kvankam ne virgulinon, kun la kondiĉo ke li protektos la popolon, kiu oferdonis. En la orienta parto de Afriko, ĉe Bonio, ekzistas tia moro, ke oni oferas virgulinon al la **Ŝarko** ĉe retrofluo de tajdo en ĉiu printempo. Sed, en la Suda Pacifiko oni oferas reĝidinon al la **Krokodilo**.[10] Ka jen Orienta Hindujo ni trovas multajn tradiciojn pri tiaj praktikoj. Unue oni oferis virinon kun tuta kredo al tiaj spiritoj de akvo, sed posteuloj devige oferis virgulinon al la spiritoj ĉiujare en sama sezono, kvankam oni bone konsciiĝis, ke tiu ĉi moro estas ne bona. Ĉar tia moro estis okazigata por la bono de publiko, tial neniu el la loĝantaro, kiu vivas en tiu ĉi superstiĉo, kuraĝis rompi ĝin kaj ĉiam pacience, kvankam vole ne vole ili devis obei ĝin, malgraŭ ili konsciis, kiu postulas oferon estas diabla; kaj ili volis ĉesigi la oferadon al ĝi. Sub tiu ĉi superstiĉa kredo certe multaj tragedioj okazis inter la popoloj. Sed fremdulo estas indiferenta pri gentaj moroj, kaj povas ĉesigi ilin aŭ silentigi la spiriton (demono, monstro). Tial la heroo, kiu disrompis superstiĉan moraĉon aŭ bravule forbuĉis monstron en multaj legendoj, ĉiam estas fremdulo. Susano, kiu savis la virgulinon kaj forbuĉis la ok-kapan monstron, estis fremdulo deveninta de la ĉielo. Mi do opinias, ke la japana mito pri la ok-kapa serpentego

9) *Iŭahiba.* 10) La dio de Ŝarko, Krokodilo.

# Monto Mjôkô

Originale verkita de Masao NIŜIMURA

Blanka la marmora remparo, kastelo
ho elstaras aŭ kun sinteno solena
aŭ kun koketema sub hela ĉielo.

La kastela loko, bedaro ĝardena
mezon de nordlando vastege okupas,
preskaŭ tutan jaron purblanka neĝplena.

Montoj altamontoj ĉirkaŭe ja grupas,
ili ĉiam zorge kastelon ja gardas,
tage nuboj nokte nebuloj galopas.

Unu reĝidino la landon rigardas
el la turo de la kastelo agrabla,
kore, en animo pasie ŝi ardas.

En mateno ŝia vizaĝo afabla
brilas en la suna radio,—belecon
saman kapti estas neniu kapabla.

Unu hor' post horo de pudroj laŭ speco
kun entuziasmo ŝi sin mem ornamas
plu aldonas pompon al sia nobleco.

En krepusko oro-kolore ŝi flamas
kun pasio lasta, l' filino al mondo
kanton la salutan kviete deklamas.

La legenda al ni transdonas rakonto:
unu bone plene gardata junulo
ĝuas vivon per-pro benata la rondo.

Ĉiam celis celas ŝin lia okulo,
al li rabas koron l' aspekto flirtema,
kison al ŝi—lia plejforta postulo....

Al la furorulo ŝlosilo problema
enmaniĝas? aŭ ne?—enigmo eterna,
buŝo en orelon: funebr' rekviema.

---

ekkreskis per tia motivo.

Por buĉi la serpentegon Susano uzis sakeon, kaj laŭ alia fonto(C) en Nihongi, li uzis la venenan kaj narkotis la monstron. Tio estas ruzo. Per la homa saĝo oni venkis la monstran forton. Ĝenerale la forto de monstro aŭ diablo tre superas la homan, tamen al ĝi mankas saĝo. Krome la sakeo utilas por pacigi diojn en ŝintoismaj ritoj. Laŭ alia fonto(B) en Nihongi, Susano diris al la monstro;—„Vi estas mirinda dio.", Tiu ĉi vorto ankaŭ atestas, ke ĝi temas pri animismo. Tiel la serpentego altiĝis de la personigo de rivero ĝis *mirinda dio.*

Pri tiu ĉi tradicio kelkaj kleruloj pristudis laŭ la vidpunkto de geografio, sed nenio utilas. Historiistoj ankaŭ konsideras ĝin, ke ĝi estas kroniko de fakto aŭ alegorio pri mortigo kontraŭ aligenta ĉefo, sed neniu kontentigas nin. La rakontoj en Nihongi kaj Koĵiki estas kompreneble naciecaj, kaj ili estas kompilitaj en unu sistemo kvazaŭ devenintaj de certa komuna origino. Sed ili ne ekĝermis originale en tiu ĉi lando, ilin alportis niaj prapatroj, kiam ili venis en nian landon antaŭ pli ol 3 jarmiloj, Poste tiuj ĉi rakontoj kreskis, kaj ankaŭ kreskis ilia ornamo dum la transrakontado de buŝo al buŝo, ĝis ili estas enkondukitaj en la kronikojn, tial geografia studo kaj historia esploro estas senutila.

Preskaŭ ĉiuj rakontoj en tiu ĉi tipo feliĉe finiĝas. Perseo edzinigis Andromedon kaj feliĉe vivis por kelktempo, kvankam poste ili devis separi. Susano ankaŭ edzinigis la filinon de la maljunulo, kaj laŭ la antikvaj kronikoj, liaj idoj tre prosperis, precipe la dio Okuninuŝo estis la plej eminenta inter liaj idaroj. Japana mitologio raportas multajn romancojn pri tiu ĉi dio. Aliloke mi iam pritraktos tion.

Volas frapi pordon sportulo moderna—,
marŝas li krutvojon en neĝuragano,
montras vojon al li la lumo lanterna.

Sala nokton pasas li sen akompano
maldormema estas en griza medio,
sonĝe reviviĝas antikva romano.

Vokas lin admonas fantom', agonio:
ĉesu vi, eskortu defendu la vivon—,
sed indiferenta li estas por tio.

Vidas li matene nobelperspektivon,
traktas objektivan belecon ĝis nunan
li esence kiel realsubjektivan.

Havas ilon uzas ja li oportunan:
skion—glitas valon li saltas barilon
rekten belulinon al li aminduman

Sub piedoj liaj knarado subtila
ritme faras eĉ melodion,—en valo
naskas dolĉajn ĉarmajn daktilojn la trilo.

Kuras kaj galopas la skio-ĉevalo,
kavaliro pro la naturon-admiro
kuras kaj galopas en valo kabala.

Jen postsigno sur la arĝento drapira
sur la virga blanko postsign' de leporo,
ĝin ĉi tie lasis kuranta foriro.

Sola piedetoj-signet', semaforo,
unu post alia ĝis vidpovofino,
li ĝin sekvas tute sen iu esploro.

Lia ĝojo estas nun en la kulmino,
spronas kaj inspiras la gaja fajfado
dancon de feinoj en sankta kazino.

Arboj ormamataj en la kavalkado
neĝraketon pafas por gasto la nova
kun soleno en paradej', esplanado.

Lin ŝtelvidas el la fenestr' de l' alkovo
reĝidino krias "gajigas kun stelo
vi min solan,—estu unue la provo".

Jen ekblovas en la malgranda parcelo.
neĝa la ventego,—gentkirlo, ciklono,
en ĝin malaperas tuj la citadelo.

Li batalas kun la fortego leona,
li ne povas venki, nek povas forkuri
eĉ per antilopa rapido,—tifono.

Li kun sia vivo decidas konkuri.
por plenumi celon,—sur ambaŭ genuoj
staras li dum li ja ne povas mezuri.

Estas li alia neni' ol statuo
tute blanka,—se li senmove nur statas,
baldaŭ tranĉos ŝnuron de l' vivo detruo.

Li eĉ en mizero komence konstatas
ĉion—kun la daŭro malsane konscias
sento perdas forton, li emas, komatas.

Sango frostas kaj nun spirit' iluzias,
perdas li batalan instinkton intenson,
kelkajn horojn li en la pal' asfiksias,

Potenculo: sun' la kompatas la penson,
ĝi lin, palan vangon karesas, favoras,
ĝi per brilo baras reĝinan atencon.

Pro la granda beno nun sang' eklaboras,
li viviĝas, saman piedon ripetas,
oh, la montosupro lin alte honoras.

Monton, reĝidinon li longe asketas,
varman la esperon li glore plenumas—,
grandsukceso por li triumfe trumpetas.

Sub la luno same konstante ŝi lumas,
per invado de la modera sportulo
brilon la belecon ŝi ja ne konsumas.

Ne meritas l' ag' je malgranda makulo,
la bruado kaj la sonor' de l' rivero
ne domaĝas kiel kasteldefendulo.

Ŝi solene staras kun trajto fiera,
ŝian haŭton lavas nebulo-parfumo
en mateno ĉiu, en ĉiu vespero.

Kovras ŝi entenas en neĝo-kostumo
ardan la pasion, turmenton ĉagrenan,
kaj ŝi estas en majestec' maksimuma.

La kastela loko, bedaro ĝardena
nordolande sian sidejon heredas,
preskaŭ tutan jaron purblanka neĝplena.

Siajn noblon belon eterne ŝi kredas.

# EL OOGAI, VITA SEXUALIS

鷗外,「キタ・セクスアリス」より

Trad. de KAWASAKI — N.

Mi estis sesjaraĝa.

Mi estis en urbo, havanta kastelon de malgranda daimio, en Tyûgoku- distrikto. Post nuligo de feŭda sistemo nova oficejo de la prefekturo fondiĝis ne ĉi tie sed en najbara provinco kaj nia urbo subite fariĝis malprospera.

Mia patro, sekvante la eksdaimion, transloĝiĝis al Tokio. Mia patrino ekopiniis ke Sizuka (mia nomo) jam bone kreskis, ke estas tempo al li doni lecionojn iom post iom eĉ antaŭ komisio al lernejo. Kaj ŝi mem ĉiumatene instruis al mi silabadon kaj gvidis kaligrafion.

Kvankam mia patro estis en feŭda reĝimo malsupera vasalo, li loĝis en granda domo kun pordego, ĉirkaŭata per muroj el teraĵo. Antaŭ la pordego estis la fosaĵo ĉirkaŭkastela kaj sur la alia bordo staris la tenejo de la eksdaimio.

Iun tagon, kiam la leciono finiĝis, mia patrino komencis teksi. Dirinte simple: „Mi ludos sur la strato", mi kuris ekster la domon.

La domo estis en la loĝeja kvartalo, kaj eĉ en printempo, nek salikoj verdis, nek sakuroj ruĝis. Mi povis vidi nur sange ruĝajn kameliflorojn pendantajn super nia muro kaj helverde burĝonantajn dornarbetojn apud la riztenejo de la eksdaimio.

Okcidente apud nia domo estis spaco da tero sen konstruaĵo. Inter disĵetitaj ŝtonetoj kaj tegoloj floradis astragaloj kaj violoj. Mi komencis deŝiri astragalojn. Dum mi daŭrigis ŝirprenon iom da tempo, mi rememoris la vortojn de najbara knabo, kiu diris al mi la antaŭan tagon, ke ne decas por viro ŝirpreni florojn, mi rapide rigardis ĉirkaŭen kaj forĵetis la florojn. Feliĉe neniu observis. Mi staris malvigla. Hela, serena vetero. La teksado de la patrino sonadis en kvieta aero.

Transe de tiu libera terspaco estis la domo de la familio nomata Ohara. La mastro jam mortis kaj la vidvino ĉirkaŭe kvardekjaraĝa restis. Mi ekhavis volon viziti tiun domon kaj turnis min al ĝia frontpordo, enkuris.

Forĵetinte miajn sandalojn, brue forpuŝinte ŝoĵion (glitekranon), mi ensaltis kaj trovis ke la sinjorino kune kun fraŭlino nekonata enrigardis malfermitan libron. La vestoj de la fraŭlino estis preskaŭ tute ruĝaj kaj ŝi aranĝis siajn harojn en *simada* (nomo de hararanĝo malnovstila por japana fraŭlino mature elkreskinta). Kvankam infano, ŝajnis al mi ke ŝi venis el la komerca kvartalo. La sinjorino kaj ankaŭ la fraŭlino levis al mi siajn vizaĝojn esprimantajn fortan surpriziĝon. Ambaŭ vizaĝoj estis flame ruĝaj. Kvankam infano, mi juĝis la situacion neordinara kaj ekhavis strangan senton. Mi vidis ke la malfermitaj paĝoj estis belkolore ilustritaj.

„Sinjorino, kian bildolibron vi rigardis?"

Tuj mi pliproksimiĝis al la libro. La fraŭlino, turninte la dorson de la libro supren,

rigardis kun rideto la vizaĝon de la sinjorino. Ankaŭ la kovrilo estis kolorigita kaj tie mi vidis grandan virinan vizaĝon.

La sinjorino, rapide preninte la libron turnitan de la fraŭlino, ĝin malfermis kaj prezentis al mi, kaj montrante per la fingro ion en la bildo, diris:

„Sizu! K'on vi vidas ĉi tie?"

La fraŭlino ridis kun plilaŭta voĉo. Mi direktis miajn okulojn sur ĝin, sed, ĉar la personoj tenis siajn korpojn tre komplike, mi ne povis klare kompreni, kion ĝi signifas.

„Ŝajne, gambo!"

La sinjorino kaj la fraŭlino samtempe eksplodis per ridego. Tio iom komprenigis min ke ĝi ne estas gambo. Mi sentis min multe ofendita.

„Sinjorino, mi venos refoje!"

Ne obeinte la vortojn de la sinjorino, kiu provis haltigi min, mi elkuris el la pordo.

Mi ne havis sufiĉan scion por juĝi, kion montras la bildo, kiun rigardis du virinoj. Sed iliaj vortoj kaj sintenadoj donis al mi tre strangan, eĉ malagrablan senton. Kaj mi timis, mi ne sciis kial, raporti la okazintaĵon al mia patrino.

註: **sakuro** kaj ĉerizarbo estas aliaj aferoj. Sakuro ne odoras.
**ŝoĵio** — ne tradukebla precize per nunaj radikoj.
**prefekturo** 縣（千布，大成和エス辭典）
**astragalo** 蓮華草（　〃　）

(*Trad. 14 okt. 1934, Oosaka*)

---

# SUR MATENA TROTUARO.

Originale verkita de K. TACHIBANA

Klak', klak' klak'... la ŝuoj sonas
sur matena trotuar';
ŝiaj paŝoj facilmovaj
marŝas kvazaŭ sur klavar'.

Per ario de la vento
flavfolioj de salik'
jen humuras, aŭ baletas
flate ĉirkaŭ lia stik'.

Ho, la ŝuoj paŝas suden,
sed la stiko al la nord';
nur momentajn palpebrumojn
ili ĝuas en agord'.
Klak', klak', klak'... ŝi marŝas pluen
ŝur aŭtuna la pavim',
en mieno kun nenia
sekretaĵo en la sin'.

# La Plena Vortaro Vidita de Kemiisto

Tutomu MAEDA

Antaŭ mi kuŝas la verda Plena Vortaro nova. Bonega vortaro, sendube! Valorplena laboraĵo de multaj jaroj! Foliumas, kaj mi povas vidi kemiajn terminojn — eĉ formulojn. Legas difinojn — kelkaj malkontentoj. Antaŭ la okuloj tamen flirtas averto: Facile kritiki, malfacile verki.

Acido: Kombinaĵo, kies hidrogenon metalo povas anstataŭi. Ne estas *kombinaĵo de hidrogeno kun metalo.*

Agaragaro: Karbonhidrato; ne entenas azoton, do ne estas speco de gelateno, tamen povas doni similaĵon de gelateno. Ne sole el *hindaj algoj.* Povas nomi vegetaĵa gelateno.

Alkalo: Kiun kemiistoj elektos inter alkalo kaj alkalio?

Barito: BaO-baryta, Baryt, baryte; $BaSO_4$-barite, Baryt, barytine. Al kiu, barito taŭgas? Mi mem ne scias!

Benzeno: Povus uzi *forigi grasajn makulojn,* sed kutime oni uzas benzinon.

Benzolo: Povus esti tia kombinaĵo, kian la vortaro difinas, sed benzolo estas la germana nomo por benzeno. Ioma konfuzo.

Ceruzo: $PbCO_2 \rightarrow PbCO_3$?

Emetiko: Antimon-kalia tartrato, K (SbO) ($d$-$C_4H_4O_6$) • 0.5 $H_2O$; ne estas *antimona aŭ kalia tartrato.*

Fluaĵo: Laŭ ekzemploj menciitaj en la teksto ankaŭ gaso povas flui, do laŭ mia opinio, fluaĵo = fluidaĵo kontraŭ fluaĵo = likvaĵo. Mia kutima uzmaniero: gaso, likvo, solido, fluido (gaso kaj likvo; Ryûtai, japane).

Gipso: Precize dirite, kalcisulfata ŝtono.

Izotopa: Kio estas *ĥemia kvanto?* Izotopoj aŭ izotopaj elementoj estas tiuj, kies kemiaj ecoj estas samaj, sed kies atompezoj diferencas.

Koloido: Ne estas *nomo de likva substanco.* Sistemo entenanta erojn, kiujn ordinara mikroskopo ne povas disting'.

Kombini: Ĉu *kombini* rilatas kun molekuloj, kaj *komponi,* kun elementoj (laŭ la senco en kemio)? En kemio oni ordinare ne diferencigas tiajn. Mi preferas la vortojn kombini kaj malkombini por ambaŭ kazoj.

Sintezo: Ne sole rilatas kun elementoj (laŭ la senco en kemio). Kemia procedo prepari kompleksan kombinaĵon el simplaj substancoj.

La supra listo ne estas kompleta, ĉar mi nun ne havas sufiĉan tempon detale studi la vortaron. Aldone mi volas diri, ke kombinaĵo estas taŭga vorto por Kwagôbutu (japane), compound, Verbindung kaj combinaison, por kiuj la vortaro donas tri vortojn: kombino, kombinaĵo kaj komponaĵo. Ĉe ni la Hermesa Rondeto, kiu sin okupis pri kemiaj terminoj, donis bonan vorton konstituo por Sosei (japane), composition, Zusammensetzung kaj composition. En la nuna vortaro konsisto esprimas ilin, sed miaopinie konstituo superas la vorton konsisto. (*14. 10. 1934.*)

# Pri la Utileco de Tagluma Elektolampo por Kortobirdoj

(originala raporto)

Ŝooĵiroo KAI, Instruisto en Mijakonoĵo Agrikultura Lernejo.

## *La Unua Raporto*

Mi komencis studi pri la utileco de tagluma lampo por kortobirdoj de la unua de novembro 1929. Oni havas multe da rezultatoj de eksperimentoj pri la aplikado de ordinara elektrolampo por ili. Do mia studo estas unue pri la rezultato de gasplenigita lampo por kortobirdoj kaj due pri tagluma lampo kaj trie kompari ĉi tiujn du rezultatojn kaj decidi, kiu el la du estas pli utila por ili. Tiu lasta estas ĉefa celo de mia laboro. Kaj nuna sciigo nur estas rezultatoj pri gasplenigita lampo kiel fundamentaj eksperimentoj de la supre nomita temo

1. Korpopezo de birdoj lumigitaj per gasplenigita lampo iom malpeza kompare kun nelumigitaj, tamen montriĝis tia rezulto, ke post 3 monatoj ĝi atingis preskaŭ egalan.
2. Disvolviĝo de kresto estis rapida en lumigo.
3. Procento de ovoprodukto rapide multiĝis ĉe 2—3 semajnoj post lumigado kaj atingis al klimakso (maksimumo) post 2 monatoj.
4. Rapide malmultiĝis ovoprodukto kun ia forigo de lumo kaj montris la ciferon 41.55 % post 3 monatoj dume nur 0.7 % en la komenco.
5. Alportis 2.5-oblan ovoprodukton post 2 monatoj en lumigado kompare kun nelumigo.
6. Nombro de birdoj, kiuj unuafoje demetis ovojn estis granda en lumigo.
7. 47.2 % plimulte produktis ovojn en lumigitaj kompare kun nelumigitaj.
8. Eltiriĝo de plumoj estis malmulta. Rapide montriĝis rimarkinda eltiriĝo de plumoj kun la forigo de lampo kaj tamen tute kovris novaj plumoj post 2 monatoj.

## *La Dua Raporto*

| | Nelumigita Sekcio. | Sekcio de tagluma elektrolampo. | Sekcio de gasoplenigita elektrolampo. |
|---|---|---|---|
| 1. Procento de ovellaso. | 22.2 % | 40.1 % | 42.2 % |
| 2. Meznombra pezo de ovo. | 52.28 gr | 55.76 gr | 55.36 gr |
| 3. Kvanto de manĝaĵoj dum 73 tagoj. | 77.520 kgr | 81.174 kgr | 81.280 kgr |
| 4. Procento de elŝeliro. | 74 % | 72 % | 72 % |
| 5. Korpopezo de matura birdo. | 1.407 kgr | 1.478 kgr | 1.539 kgr |
| 6. Profito dum 73 tagoj. | ¥ 1.105 | ¥ 5.781 | ¥ 6.051 |

